12a JARO No. 11/12. NOVEMBRO-DECEMBRO 1920.



Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO. OFICIALA ORGANO DE LA INTERNACIO KATOLIKA.

## La Sankta Patro Benedikto XVa



**kiu donis Apostolan Benon al „Ika“ kaj „E. K.“**

# Oficiala parto.

## Lia Papa Moŝto kaj Internacio Katolika.

Lia Papa Moŝto akceptis la ĉefdirektoron de „Ika“, Sron Dron Metzger, la 12an de Oktobro en privata aŭdienco, por ricevi raporton pri la fondo-laboroj kaj la programo de „Ika“.

Lia Papa Moŝto jam bone estis informita de Lia ŝtata sekretario, Kardinalo Gasparri, longatempe interparolis pri la celoj de „Ika“ kun Dro Metzger kaj tre ĝojis pri la jam faritaj por ĝi laboroj.

Precipe li interesiĝis pri la eldono de internacia katolika organo, kiu ĝis nun ĉiam estis malebligita pro la demando pri ĝia lingvo.

Lia Papa Moŝto memorigis pri tio, ke ekz. ankaŭ la pripacaj konferencoj en Versailles estis malhelpataj grandaparte de la diverslingveco de la partoprenantoj, ĉar Wilson, Clémenceau kaj Lloyd George ne povis interkompreniĝi.

Antaŭ ĉio Lia Papa Moŝto deziris la daŭrigon de la laboroj por paco, kiujn organizis la „Mondpacligo Kruco Blanka“ Benedikto XVa diris:

„La homoj opinias, ke nun ni havas pacon, ĉar la sangoplenaj interbataladoj ĉesis. Sed tio ne estas paco. Paco estas „tranquillitas ordinis“ (trankvileco en ordo). Kaj ordo estas justeco kaj amo. Sed da ambaŭ oni ĝis nun vidas tre malmulton.“

Lia Papa Moŝto fine promesis al Dro Metzger subtenon de liaj laboroj kaj donis Apostolan Benon al lia entrepreno.

---

## La Apostola Seĝo kaj „Ika“.

Okaze de la landa konferenco por la starigo de „Nacia Komitato de ‚Ika‘ por Aŭstrujo“ la ĝenerala sekretario Dro M. J. Metzger raportis al la afergvidanto de la Sankta Seĝo en Wien, Msro Ogno Serra, pri la fondaj laboroj kaj la celadoj de „Ika“.

Msro Ogno Serra esprimis la konsenton de Lia Papa Moŝto, dirante: „Via entrepreno havas la tutan simpation de la Apostola Seĝo. La Apostola Seĝo donos al ĝi ĉiun moralan subtenon. La komenco de ĉiuj aferoj estas malfacila; tamen, mi esperas, ke malfacilaĵoj ne detenos vin, daŭrigi viajn klopodojn.“

# La „Ik^a^“-movado tutmonda.

Laŭ la informoj alvenintaj ĝis nun al la Centra Administra Oficejo (CAO) en Graz, la „Ik^a^“-movado ĝenerale progresas bonege. El preskaŭ ĉiuj landoj oni sciigas energian komencon de la tiucelaj laboroj. Por Svisujo estas destinita kiel provizora direktoro S^ro^ prof. Arnold en Zug, por Hispanujo P^ro^ Mariano Mojado en Madrid. Dum la Italuja Kongreso en Bologna oni fondis nacian grupon de la Esperantistoj katolikaj por Italujo, kies prezidanto (samtempe la provizora „Ik^a^“-direktoro por Italujo) estas S^ro^ prof. M. E. Carolfi, O.F.M., en Cortemaggiore. En Nederlando la „Ik^a^“-anoj fondis viglan gazetaran komisionon. Laŭ la sciigoj de la prezidanto Poell, S^ro^ Pastoor, la lerta Esperantista ĵurnalisto Nederlanda, estas destinita kiel provizora direktoro de la Internacia „Ik^a^“-Informejo. S^ro^ Muffang sciigas pri starigo de ĵurnalista rondo en Francujo por disvastigado de la „Ik^a^“-movado. Kiel la unua membro ordinara anoncis sin al la CAO la Litova Esperantista katolika grupo, kiu ankaŭ jam pagis la kotizon: 2 Germ. Mk^oj^ po membro. Ĉiu membro de tiu grupo abonas devige la oficialan organon. Tre imitinda ekzemplo! En Aŭstrujo la „Nacia Komitato de „Ik^a^“ por Aŭstrujo“ estas starigita. Por ĉiuj fakoj de la katolika agado provizoraj fakaj delegitoj de la plej gravaj katolikaj organizaĵoj estas destinitaj. Definitiva elekto de la komitato-membroj okazos dum konferenco la 12^an^ de Decembro en Wien.

---

# La oficiala organo de „Ik^a^“.

La organo de iu movado estas kvazaŭ ĝia bildo. Nia movado estas universala, rilate la fak-amplekson, kaj internacia, rilate la etendon. Tial nia organo nepre devas havi universalan enhavon kaj internacian karakteron. Ĝi devas esti la internacia katolika revuo, spegulo de la tutmonda katolika agado nuntempa.

Kompetentuloj, gvidantoj katolikaj ĉiulingvaj kaj ĉiunaciaj devas sciigi en ĝi pri iliaj opinioj kaj spertoj, prezenti proponojn pri praktika laboro diversfaka, diskuti pri novaj kaj malnovaj problemoj de la tutmonda katolika vivo.

En ĝi oni publikigos studojn informantajn pri la nuntempa situacio de la diverslandaj katolikaroj, raportojn pri la laboroj de la diversnaciaj kaj diversfakaj movadoj, sciigojn pri internaciaj kaj naciaj kongresoj kaj konferencoj, la plej gravajn ordonojn kaj cirkulerojn de la Apostola Seĝo, unuvorte, en ĝi oni trovos ĉion, kion ĉiu moderna katoliko devas scii pri la nuntempa tutmonda katolika agado.

Fine, oni devas prepari iom post iom specialajn rubrikojn por samcelaj movadoj kaj samtendencaj organizoj, ekz. por la katolikaj junula, laborista, virina, Esperanta, moraleca, por-paca, studenta, scienca ktp. movadoj. Tiuj rubrikoj enhavos detalajn raportojn pri la ĉiufaka agado diverslanda, la nomojn kaj adresojn de la

ĉefaj fak-organizaĵoj, statistikojn, jarajn raportojn, informojn pri naciaj laboroj, sukcesoj kaj malsukcesoj, pri la maniero de la agado, proponojn, diskutojn, la adresojn de la plej gravaj fakaj gazetoj ktp.

Altega celo! Tamen, ne tro alta! Ni nur devas energie kaj celkonscie komenci. Estas urĝa devo de ĉiu „Ika"-ano, laŭpove kunhelpi. Ĉiu katolika Esperantisto devas legi la oficialan organon. Ĉiu devas varbi novajn abonantojn kaj ĉiu aboninto devas gajni novajn kunlaborantojn el la diverslandaj katolikaj gvidantoj. Neniu diru: Ho! La katolikaj gvidantoj enlandaj ne scias skribi en Esperanto. Tio ne malhelpas. Ili verku mallongajn artikolojn pri la plej diversaj temoj en ilia nacia lingvo. Ĉu ne troviĝos sufiĉe da lertaj Esperantistoj, kiuj volonte tradukos la artikoletojn en Esperanto? Do, ĉiu skribu tuj al lia ŝtata direktoro de „Ika": „Ankaŭ mi kunlaboros, volonte mi tradukos temojn!" Ĉiu „Ika"-ano, konanta persone kompetentulojn aŭ gvidantojn katolikajn, petu ilin, verki almenaŭ unu artikolon poĵare por nia organo!

Fine, ĉiam, ĉiuokaze oni devas rekomendi kaj disvastigi la organon en la katolika gazetaro. Ekz., oni sendu mallongajn noticojn al katolikaj ĵurnaloj, sciigante: „La oficiala organo de „Ika" enhavas tiun aŭ tiun interesan artikolon . ." aŭ oni faru mallongajn eltiraĵojn el la enhavo de iu numero kaj sendu ilin al la koncernaj fakaj revuoj, ĉiam menciante nian organon. Tio estas urĝa tasko de la kreotaj „Ika"-informejoj.

Tiamaniere per senlacaj kaj organizitaj klopodoj ni nepre sukcesos. Ĉiu kunhelpu! Tiam ankaŭ la altega celo estos atingebla. Kaspar Mayr, Graz.

---

# Klarigo.

Laŭ la decido de la Hag'a kongreso (Vidu „E. K." № 8/9, p. 198 „Organo") la Centra Administra Oficejo de „Ika" estas devigita, eldoni la „kreotan" oficialan organon. Kompreneble, tiu organo estos la pligrandigita **„Espero Katolika"**, kiu ĝis nun estas la posedaĵo de Anonima Akcia Societo.

Tuj post la kongreso la Centra Administra Oficejo komencis interrilati kun tiu Akcia Societo, por starigi kontrakton aŭ serĉi interkompreniĝon. **Neniam** kaj **neniel** la Centra Administra Oficejo intencis, eldoni **krom** la jam ekzistanta „Espero Katolika" duan revuon internacian katolikan kiel oficialan organon de „Ika", ĉar interkonsento de la Akcia Societo kaj „Ika" pri la organo certe estos atingebla.

Ĝis la definitiva finigo de la komencitaj pritraktoj kun la Anonima Societo kaj la decido de la direktoraro, „E. K." do aperos kiel la **oficiala organo** de „Ika".

Dro M. J. Metzger,
ĉefdirektoro de la Centra Administra
Oficejo en Graz (Aŭstrujo - Stirio).

# „Espero Katolika“ dum 1920.

La internacia katolika revuo en Esperanta lingvo, „Espero Katolika“, distingita per la benoj de la Sankta Patro en Roma kaj de la kardinalo-ĉefepiskopo en Wien, akceptita dum la VIa katolika kongreso Esperantista en Hago kiel la oficiala organo de la tie fondita „Internacio Katolika“ ampleksonta la tutmondan organizitan katolikan movadon pere de la internacia helpa lingvo Esperanto, tiu universala revuo nepre devos daŭre ekzisti.

Kiam post la kvinjara tutmonda milito fine estis veninta la ĝusta tempo, reaperigi la organon por ĉiulandaj katolikaj Esperantistoj kaj la valoro de la mono en Aŭstrujo donis eblecon, eldoni la longatempe antaŭ tiu terura milito jam multe kaj alte ŝatitan interligilon por diverslandaj, diversnaciaj, diverslingvaj samkredanoj, volonte ni, Aŭstrujaj samideanoj, ŝarĝis nin, laŭ la propono direktita al ni de la direktoro de la Anonima Akcia Asocio „Espero Katolika“, Sro Dro Smulders en Udenhout, Nederlando, kie ĝis la devigita de la militaj cirkonstancoj ĉesigo la internacia katolika revuo estis eldonita, entrepreni la reeldonon. Nur dum Februaro ni sukcesis elirigi la nojn 1/2 de la 12a jarkolekto 1920, daŭrigante la revuon, kvazaŭ ĝi neniam estus ĉesinta aperi, penadante, rekolekti ĝian amikaron antaŭmilitan kaj provante, prezenti en la pli frue kutima vesto diversaspecan interesan enhavon.

La aproboj de la unuaj reakiritaj kaj de novaj legintoj, la ĝojaj salutoj kaj afablaj laŭdoj de malnovaj kaj novaj „E. K.“-anoj kuraĝigis al plua paŝado sur la komencita tiom esperplene vojo, kaj de monato al monato plimultiĝis la abonintoj el ĉiuj ŝtatoj en Eŭropo, iom post iom ankaŭ de ekster-Eŭropaj. La revuo regajnis sian disvastiĝon sur la tuta tero, salutate ankaŭ de la samideana gazetaro laŭ ekstero ĝia kaj interna kvalito. Kunlaborantoj el pli fruaj tempoj alvenis kaj riĉigis la enhavon de la sinsekvaj numeroj pli kaj pli. La Wien'a diocezestro, Lia Kardinala moŝto Dro F. G. Piffl, afable akceptis la protektorecon, aliaj episkopoj estis interesigataj pri nia modesta katolika revuo internacia, kiu per unu lingvo peris la plej diversajn sciigojn kaj sciindaĵojn al pli kaj pli vastaj rondoj de la katolikaro. Fine, post Nia VIa, eĉ Lia Papa moŝto Benedikto XVa distingis „Espero Katolika“, ĝian direktoraron kaj kunlaborantaron per Apostola Beno.

Pri ĉio tio ni ĉi tie rememorigas, ne, por elvoki novajn aprobojn, jam diritajn al ni laŭdojn — ni nepre faris nian devon, estante konvinkitaj Esperantistaj katolikoj, sentantaj internacie fratame kaj ofereme — nur por certigi, ke entrepreno tiom sukcese gvidita ĝis nun, dank' al la samkredanaj amikoj pli kaj plimultnombre ariĝintaj ĉirkaŭ la verda stelo kun blanka-flava kruco sur ĝi, nepre devas daŭre ekzisti . . .

Sed, ĝia ekzistado grave estas malfaciligata de la financaj cirkonstancoj en Aŭstrujo, kiuj de monato al monato fariĝas pli malfavoraj por eldono de tia bonaspekta, multpaĝa revuo. Bona estu la papero, bela estu la preso, akurata estu la dissendo — ĉio tio plikariĝas por ĉiu nova numero. La bona papero kostas pli kaj pli multe da mono, la kompostistoj kaj presistoj postulas de la principalo pli kaj pli da salajro, la afranko fariĝis plimultekosta — unuvorte: la kalkulo, sur kiu baziĝis komence la ebleco de eldono, jam de longa tempo plu ne estas ĝusta, la prezo de unu numero kvarobliĝis.

Dum la nuna jaro ni postulis la abonprezon laŭ jenaj principoj: La grandaj diferencoj de la monvaloroj en la diversaj ŝtatoj, kompare kun tiu en Aŭstrujo, ebligos, egaligi per la pagoj el ŝtatoj kun favoraj laŭ la supre menciita rilato monkurzoj tiujn el ŝtatoj, kie ekzistas „E. K."-amikoj kun pli malpli malplena monujo, aŭ, pli ĝuste ni diru, kun pli malpli malmultvalora mono. Ĉiu el la abonontoj de „E. K." demandu sin, ĉu la katolika internacia revuo por li valoros ĉiumonate unu Frankon, proksimume unu Markon, unu duonan Holandan Guldenon ktp. Se jes, kaj se li povas elspezi por ĝi tiun unu Frankon ĉiumonate, li ja abonos kaj per tio helpos, eĉ ne sentante ĝin, havigi al la malriĉa Aŭstruja aboninto por unu Krono ĉiumonate tiun saman revuon: li bonfaros por nia alta celo, neniel ŝarĝante sin mem, ĉar por li ja valoras „E. K." unu Frankon ĉiumonate.

Tial ni konstruis nian kalkulon pri abon- kaj anonc-monoj sur la fundamento de la Saussure'aj Spesmiloj, kiuj donis al ni ŝlosilon por la laŭproporciaj interrilatoj de la diversaj monvaloroj. Tre malmultaj estis efektive plendoj el ŝtatoj kun tre altaj kompare kun la Aŭstruja monkurzoj (Nederlando, Hispanujo, Svisujo); la plejmulto de la abonantoj sen riproĉo, sen kontraŭdiro akceptis nian proponon kaj postulon kaj ne malmultaj eĉ propravole helpis per pli malpli grandaj okazaj mondonacoj, daŭrigi la karan al ili revuon, kies reaperon malavare la Nederlandaj samideanoj estis ebligintaj per sufiĉe granda komenca monofero. Dank' al tiu ni povis konservi la komence postulitajn abonprezojn, kaj, kontraste kun kelkaj el la ceteraj Esperantaj gazetoj, ni ne altigis tiujn prezojn dum la jaro, eĉ konsentis al kelkaj abonantoj favorajn por ili abon-kondiĉojn.

Sed, kvankam ni kiom eble ŝparis elspezojn, ni ne povis eviti, ke la supre menciitaj financaj cirkonstancoj pri presado en Aŭstrujo embarasis nin fine tiom, ke por la lastaj numeroj de la nuna jarkolekto ni devis peti de niaj Nederlandaj amikoj pluan financan helpon.

Tio plu ne devos okazi. Nia revuo devos ekzisti el la pagoj de la abonintoj, el la pagoj por anoncoj, ne ĉefe nur el donacoj de malmultaj oferemaj samideanoj. Tial ni ankaŭ devis iom r e g u l i la abonprezojn por la venonta jarkolekto kaj insiste ni petas la ĝisnunajn amikojn de „Espero Katolika", ne nur resti fidelaj, ili mem, al ilia revuo tiom favore akceptita post ĝia reapero, sed ankaŭ havigi al ĝi novajn amikojn. Ni penados, ĉiel kontentigi ĉiujn, respekti ĉiajn akcepteblajn kaj akceptindajn dezirojn kaj per tio fari pli kaj pli amata la revuon de la tutmonda katolikaro. Ni konfidas je la disciplino, la insisto, la unueco, la helpemo de la katolikoj ĉiulandaj ankaŭ sur tiu kampo de sufiĉa subteno de propra ilia organo.

Kun la helpo de Dio antaŭen en novan jaron riĉan de laboroj kaj, espereble, ankaŭ riĉan de fruktoj laŭ la deziro de nia Sankta Patro!

**La Direktoraro**
de „Espero Katolika".

**Ne kompreneble** estas, kial la k a t o l i k o j, kiuj estas ligitaj per tiel forta u n u e c o kaj d i s c i p l i n o, b e z o n a s t r i g a z e t o j n. Se la fortoj, kiuj nun eldonas kaj abonas la malgrandajn „Nederlanda Katoliko" (Rotterdam) kaj „Blanka Kruco" (Graz, Stirio) estus p l e n e d e d i ĉ a t a j al la f i r m i g o

kaj kreskigo de la universala „Espero Katolika“ (organo de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista), tio nur helpus la tutan aferon. La laste nomita gazeto, cetere, jam nun prezentas ampleksajn, regule monate aperantajn kajerojn kun riĉa enhavo. („Esperanta Finnlando“, Aŭgusto-numero.).

---

# „Espero Katolika“ 1921 nepre bezonos minimume 1000 abonintojn.

Alialoke en tiu ĉi numero troviĝas rerigardo pri la unua postmilita jaro de „Espero Katolika“. Ĉi tie ni volas atentigi pri tio, ke „Espero Katolika“ povos ekzisti dum 1921 **nur, se la nombro de minimume 1000 abonintoj** plej eble **baldaŭ** estos atingita.

El la listoj de la abonintoj facile estas kalkulebla de ĉiu la ĝisnuna abonintaro, kaj el la fakto, ke la **kostoj** por unu numero de la revuo nun **kvaroblîĝis**, kompare kun tiuj en la komenco de la nuna jaro, kaj ankoraŭ **pligrandiĝos** en la proksima tempo, ĉiu facile komprenos, ke **nur energia varbado** de novaj abonantoj kaj **tuja pago** de la abonmonoj povas garantii dum la venonta jaro regulan aperon de la sola internacia katolika revuo.

„Espero Katolika“ restas — almenaŭ provizore — la oficiala organo ankaŭ de la fondita en Hago „Internacio Katolika“. Estas do devo de ĉiu ŝtata direktoro de „Ika“, instigi ĉiujn jam organizitajn en grupoj aŭ Ligo de lia ŝtato katolikajn Esperantistojn al abono de ilia propra organo. La plej oportune li mem kolektos aŭ kolektigos la abonmonojn, por sendi ilin kune al la administranto de „E. K.“

Kaj ĉiu el la organizitaj katolikaj Esperantistoj havas, li mem, la moralan devon, serĉi por la organo de „Internacio Katolika“ inter liaj konatuloj pluajn novajn amikojn por la revuo, izolajn Esperantistojn, interesulojn el liaŝtataj katolikaj organizaĵoj, precipe la sekretariojn de tiaj, kiuj ja unuavice devos Esperantistiĝi, por povi interrilati kun aliaŝtataj parencaj organizaĵoj aliĝintaj aŭ aliĝontaj al „Ika“. Ili nepre devas koni kaj posedi la komunan interligilon, kiu peros al la tuta „Ika“-anaro ĉion sciindan por ĉiuj.

Tiel, kaj nur tiel, per senlaca, insista propagando, la daŭro de „Espero Katolika“ estas garantiebla, kaj, ju pli multe da abonintoj la revuo havos, des pli ampleksaj, des pli multenhavaj povos esti ĝiaj numeroj, indaj je la grava celo kaj je la graveco mem de vera „Internacio Katolika“.

Por faciligi la pagon de la abonmonoj, ni jam varbis kelke da **„abonejoj“**, aranĝo, kiu montris sian taŭgecon por la prospero kaj por la simpligo de la administrado de „E. K.“ jam dum la jaroj antaŭ la tutmonda milito. Sed, ni bezonas en ĉiu ŝtato almenaŭ unu tian „abonejon“, kaj ni petas insiste verajn amikojn de „Espero Katolika“, precipe la ŝtatajn direktorojn de „Ika“, tuj sciigi la administranton pri ilia preteco, akcepti tiun funkcion. Per tiu aranĝo estos ebligate al ĉiu abononto, simple sendi sian abonmonon al la „abonejo“ de „E. K.“ en lia ŝtato.

Kiu preferas, sendi sian abonmonon senpere al la administracio de „E. K.“, tiu povos fari tion kiel ĝis nun:

1e per enmeto de liaŝtataj monbiletoj en poŝte registratan (rekomendatan) leteron, kiun li adresas al la administracio de „E. K.“ en Wien (Aŭstrujo), VII., Kaiserstrasse 10, aŭ

2e per enpago ĉe liaŝtata banko, kiu sendu ĉekon laŭ la propraŝtata valuto (Markoj, Frankoj, Liroj k. s) al „Allgemeine Verkehrsbank, Filiale Neubau, Wien“ por ĝia konto „Espero Katolika“. Tiu banko havas interrilatojn ekz. kun

Deutsche Bank, Berlin, por Germanujo,
Schweizer. Kreditanstalt, Zürich, por Svisujo,
Banque de Paris et des Pays bas aŭ Crédit Lyonnais por Francujo,
Banca Commerciale Italiana, Milano, por Italujo,
Banque de Bruxelles por Belgujo,
I. Ungar. Gewerbebank, Budapest, por Hungarujo,
I. Kroat. Sparkassa, Agram aŭ Belgrad, por Jugoslavujo,
Banque de Crédit, Sofia, por Bulgarujo,
Warschauer Diskontobank por Polujo,
Böhm. Escomptebank u. Creditanstalt, Praha, por Ĉeĥoslovakujo,
kun la ĉefaj bankoj en la Skandinavaj ŝtatoj,
kun Guaranty Trust Co of New-York, por la Norda Ameriko ktp. ktp.,

plue proprajn siajn filiojn (ekz. en Brno, Laibach, Kraków k. a.) kaj entute povas ricevi ankaŭ pere de aliaj ĉefaj bankoj en Wien (Wiener Bankverein k. a.) alilandajn monojn destinitajn por la konto „Espero Katolika“.

Ni rekomendas sendon de monbiletoj aŭ de bankĉekoj en la propraŝtataj valutoj, speciale, ĉar ni spertis, ke la ŝanĝo de tiuj monbiletoj en Wien estas multe pli profitiga por la kaso de „E. K.“ ol ricevo de mono ŝanĝita en alia ŝtato laŭ Aŭstruja valuto, aŭ sendita per aliaŝtata poŝtmandato (la plej malprofita por ni maniero!), ĉar la aliaŝtataj bankistoj ja devas kalkuli jam profiton por propra ilia instituto, la Wien'aj bankoj ankaŭ — duobla perdo por la revuo.

La vojo tra bankoj estas la plej oportuna por la „abonejoj“ de „E. K.“, kaj ni insiste rekomendas al ĉiu abonanto kiu trovos en la listo de „E. K.“-abonejoj en la 1a no 1921 unu por lia propra ŝtato, sendi tuj sian abonmonon laŭ la **nova tarifo** al tiu „abonejo“, kion li ja facile povas fari per propraŝtata poŝtmandato al la adreso de la abonejestro.

3e abono estas ebla ankaŭ pere de propraloka aŭ proksimaloka librovendisto. Tiu maniero, aboni „E. K.“, havas la utilon, ke nia revuo iom post iom estos konigata al la librovendistaro ĉiulanda kaj per tio, eble danke al okaza elmeto de specimenoj en la librovendejoj laŭ instigoj de abonintoj, interesos ankaŭ personojn, kiuj ĝis tiam nenion sciis pri Esperanto en la servo de la katolikismo. Ni ĉiam volonte sendos specimenojn al librovendistoj anoncintaj al ni ilian intencon, propagandi tiamaniere la katolikan revuon internacian. Sed, ankaŭ ili — oni bonvolu atentigi ilin pri tio — nepre sendu la abonmonojn per propraŝtataj bankbiletoj.

**„Espero Katolika“ nepre bezonas monon,** multe, multege da mono, por fariĝi organo tiom valora, kioma ĝin deziras ne nur la direktoraro sed ĉefe la legantaro mem de „E. K.“. Do, ankaŭ monoferoj, donacoj

kiomaj ajn, estas akceptataj kun aparta danko kiel multvalora subteno. Malgrandaj kaj grandaj tiaj subvencioj estas sendeblaj ĉiam ajn, komence de la venonta aŭ jam fine de la nuna jaroj, sur la supre montritaj vojoj; ĉiam ili estos bonvenintaj kaj kun ĝojo uzataj por la revuo, kies vivon ili helpos daŭrigi kaj fortigi.

**Abonu kaj tuj pagu por „Espero Katolika“,**
**Donacu por „Espero Katolika“,**
**Varbadu por „Espero Katolika“.**

Jen, kiel vi, veraj amikoj de „Espero Katolika“, povas helpi krom ne malpli multvalora via kunlaboro per tekstoj ĉiaspecaj, taŭgaj por „Espero Katolika“ (raportoj, tradukaĵoj aŭ originalaĵoj diversatemaj), al via revuo. Ne lasu nin vane peti vin!

Ĝojan revidon dum 1921!

La direktoraro
de „Espero Katolika“.

---

# La numeroj de „Espero Katolika“ 1921 eliros la 1an de ĉiu monato.

La plej **lasta tempo** por alveno de **manuskripto** destinita por iu numero estos la **15a** de la **monato antaŭ** ĝia eliro.

Manuskriptoj, korespondaĵoj kaj monsendoj senperaj ĉiuspecaj (ankaŭ bankĉekoj) por „E. K.“ estas petataj al la unu sola adreso

**„Espero Katolika“ en Wien (Aŭstrujo), VII., Kaiserstraße 10.**

---

# Kiu estas kunfondanto de „Ika“?

Ĉiu katoliko, kiu pagis por la realigo de la „Ika“-ideo en lia nacia valuto 1000 Frankojn, Lirojn, Markojn, Kronojn, 500 Hol. Guldenojn, k. s. estas membro kunfondanta de „Ika“.

La nomoj de la kunfondantoj estos publikigataj en la oficiala organo de „Ika“.

Ĝis nun la CAO ricevis donacojn de

Sro Prelato A. Dombrowski, Kaunas (Litovujo), 1000 Mkojn (kunfondanto);

Sro Dro M. J. Metzger, Graz (Aŭstrujo-Stirio), 1000 Kojn (kunfondanto);

Fno Josefino Verschure, Gemert (Nederlando), f. 200.—.

Koran dankon! Bonvenintaj estos imitantoj!

---

# Neoficiala parto.

## „Mondjunularo Katolika“ (Moka).

### Alvoko al ĉiuj katolikaj gejunuloj!

Dum la internacia kongreso de katolikoj en Hago oni serĉis la solvon de la problemo, gajni la katolikaron por la ideo de „Internacio Katolika“. Kaj oni pensis je la tutmonda katolika gejunularo, kiu estas la „espero katolika“. Ĉu oni erare kalkulis? Estas konata fakto, ke ĉiu movado, kiu havas la junularon por si, havas por si la estonton. Ĉu la ĉiulanda gejunularo estos preta, labori por la bela penso de unuigo de la tutmonda katolikaro per unu lingvo por paco?

Jam antaŭ tiu kongreso societo „Mondjunularo katolika“ („Moka“) laboris, por interfratigi per Esperanto la tutmondajn katolikajn gejunulojn. „Moka“ nun volas komenci sub nova gvidado efikan, daŭran laboron. Kun malĝojo ni devas vidi, kiom da junaj katolikaj samideanoj, dissemitaj en la tuta mondo, ne povas labori por nia ideo, ĉar mankas al ili interrilatoj kun samcelanoj. „Moka“ do volas antaŭ ĉio unuigi la tutmondan katolikan gejunularon, kaj tiam instigi ilin al fondo de potenca „Internacia katolika Junularo-Ligo“ de amikeco, de frateco, de vera Kristana amo.

Nia unua laboro estas, organizi la jam ekzistantan tutmondan katolikan gejunularon. Ankaŭ ni, tutmonda katolika gejunularo, volas fariĝi „unu granda rondo familia“ de samcelanoj. „Moka“ plue volas starigi en ĉiuj grandaj urboj de la mondo delegitojn, kiuj reprezentos ĝin kaj donos ĉiajn informojn pri „Moka“. Kiel oficiala lingvo ĝi uzos la jam praktike elprovitan helplingvon internacian „Esperanto“. La oficiala organo de „Moka“ estos la oficiala organo de „Ika“ kun la aldono „Mondjunularo Katolika“. La venonta unua kunveno de „Moka“ estos aranĝata okaze de la internacia kongreso de la katolikaro dum Aŭgusto 1921 en Graz.

Katolikaj gejunuloj! Por ke estonte povu esti fondata forta katolika mondjunulara Ligo, ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj katolikaj gejunuloj. Ĉiu, senescepte, devas kunlabori, ke ni baldaŭ atingu nian celon. Granda afero estas akcelota. Ni katolikaj gejunuloj montru, ke „Ika“ bezonos nin.

Ĉiu katolika junulo aŭ junulino, kiu estas preta, kunlabori, akceptante la delegito-oficon ktp., sciigu al la centrejo sian adreson.

Detalajn informojn oni postulu de la

„Mondjunularo Katolika“ (Moka)
Graz, Aŭstrujo, Karmeliterplatz 5.

Hans Sappl,
Sekretario de „Moka“.

Dro Max Josef Metzger,
Ĉefa sekretario de „Internacio Katolika“.

* * *

## Provizora statuto por la „Mondjunularo Katolika“ (Moka).

§ 1. Nomo kaj sidejo.

La nomo de la Ligo estas: „Mondjunularo Katolika“ (Moka). Ĝi havas sian sidejon en la internacia katolika agada centrejo en Graz, Aŭstrujo, Karmeliterplatz 5.

§ 2. Organizo.

„Moka“ estas en ĝia interna organizo memstara, tamen faka parto de „Internacio Katolika“ („Ika“).

§ 3. Celo.

„Moka“ celas, unuigi la ĉiulandan gejunularon katolikan kunlaborantan por la internacia katolika agado, por instigi la fondon de potenca „Internacia katolika Junularo-Ligo“.

§ 4. Rimedoj.

Por atingi tiun celon, „Moka“ starigas en ĉiuj pligrandaj urboj de la mondo delegitojn, eldonas laŭpove propran gazeton kaj aranĝas ĉiujare, aliĝe al la kongreso de „Ika“, propran kunvenon.

§ 5. Lingvo.

La oficiala lingvo de „Moka“ por internaciaj interrilatoj estas „Esperanto“.

§ 6. Membroj.

Membro de „Moka“ povas fariĝi ĉiu katolika junulo, junulino aŭ junula organizo, kiuj akceptas la celojn de „Moka“ aŭ iamaniere subtenas ĝin.
Individua membro pagas kiel kotizaĵon jare 2 Sm. laŭ nacia valuto. Katolika junula organizo pagas jaran kotizaĵon interkonsentitan kun la centrejo.

§ 7. Estraro.

La estraro de „Moka“ konsistas provizore el la ĉefa sekretario de „Ika“ kaj la sekretario de „Moka“. La definitiva estraro estos elektata dum la unua kunveno dum Aŭgusto 1921 en Graz, Aŭstrujo.

§ 8. Organo.

La oficiala organo de „Moka“ estas la organo de „Ika“, laŭpove kun malgranda aldono: „Mondjunularo Katolika.“

§ 9. Ĝenerala kunveno

okazas dum la regulaj kongresoj de „Ika“. Rajtigitaj, voĉdoni, estas la membroj, kiuj pagis la kotizaĵon en la nomo de aliĝintaj societoj, kiel ties delegitoj. Decidoj fariĝas per simpla plimulto de la voĉoj.
La definitiva detala regularo estos starigita dum la unua kunveno.

Aliĝilo.

Sro (Fno).................................................. en.............................. Strato:

Lando.................................................. aliĝas per tio al „Mondjunularo Katolika“ („Moka“) kaj devigas sin, pagi jaran kotizaĵon de 2 Sm (laŭ nacia valuto). Li (ŝi) estas preta, preni sur sin la oficon de delegito por lia (ŝia) urbo (regiono aŭ lando).

.................................................. la .............................. 19.........

(Subskribo)

Bonvolu skribi tre legeble kaj trastreki la nekonvenan tekston!

*

## Internacia leter-ŝanĝado inter katolikaj gejunuloj („Ile“).

1. La internacia leterŝanĝado inter katolikaj gejunuloj („Ile“) laboras kiel fako de „Ika“ en la centrejo de „Ika“ en Graz (Aŭstrujo).

2. Ĝi celas ebligi al katolikaj gejunuloj interkorespondadon kun samreligianoj kaj samaĝuloj en la tuta mondo, por interŝanĝo de ideoj ktp.

3. Por tiu celo la centrejo kolektas adresojn de ĉiuj partoprenemaj katolikaj gejunuloj en la tuta mondo, por publikigi ilin en adresaro. „Ile“ do petas ĉiujn gejunulojn, komuniki tiajn adresojn.

4 Korespondemaj gejunuloj interrilatu kun la centrejo, kiu peras la leter-ŝanĝadon.

5. Por la likvido de la kostoj ktp. oni aldonu al petoj pri korespondado la internacian leter-sendkoston per naciaj poŝtmarkoj.

6. Por ke la leter-ŝanĝado fariĝu interesa kaj ke interrilatu gejunuloj kun samaj scio, aĝo ktp., la centrejo eldonas demando-foliojn.

7. Ĉiu korespondanto devas respondi ĉiujn demandojn en tiu demando-folio kaj resendi ĝin al la centrejo, kiu peras al li konvenan korespondanton.

8. La centrejo peros korespondantojn en ĉiuj lingvoj, sed la oficiala lingvo estas Esperanto.

9. Ciu „Ile“-ano estas devigata, respondi al leteroj interne de 8 tagoj post ilia ricevo. Se iu volas ĉesi la korespondadon, li tuj komuniku tion al la centrejo.

10. Plendojn ktp. oni direktu al la centrejo.

11. Ĉiujn oficialajn komunikojn „Ile“ publikigos en la organo de „Ika“.

La gvidanto: Hanns Sappl,
Sekretario de la „Mondjunularo Katolika“,
Graz, Aŭstrujo-Stirio, Karmeliterplatz 5.

* * *

## Demando-Folio

### pri internacia leter-ŝanĝado inter katolikaj gejunuloj („Ile“).

Nomo kaj preciza adreso

Aĝo Je kio vi okupas vin en via libera tempo?

Pri kiuj temoj vi volas korespondi?

En kiuj lingvoj? ..............................................................................

Kiun stenografian sistemon vi uzas?

Ĉu vi vizitas mezagradan lernejon (gimnazion, liceon, reallernejon k. s.)?

Ĉu vi kolektas poŝtmarkojn, ilustr. poŝtkartojn, monerojn, monbiletojn ktp.?
..............................................................................

Aliaj deziroj

Oni resendu tiun ĉi demando-folion plej eble baldaŭ al la centrejo en Graz (Aŭstrujo-Stirio) Karmeliterplatz 5.

# Rememoroj pri la VI[a] katolika internacia kongreso.

De Hans S a p p l.

## I. Samkredaneco.

Vere, mi sentas min devigata, el la profundo de mia koro publike rakonti pri la granda afableco de kelkaj Holandaj samkredanoj okaze de nia „Sesa". Ankaŭ Sro S c h a m a n e k jam parolis en liaj rememoroj pri Hago („E. K." No 8/9) pri la agado de diversaj Holandaj kongres-komitatanoj; precipe li menciis Sron M a r r e v e e, kiu en nedireble ĉarma maniero zorgis por la eksterlandaj kongresanoj. Ankaŭ mi povis sperti tion kaj publike mi diras al li la p l e j k o r a n s a m k r e d a n a n d a n k o n por ĉio, kion li faris bonon al mi.

Sed, karaj legantoj, en Nederlando ekzistis m u l t e da tiaj bonkoregaj samideanoj. Kaj precipe pri la familio S m a r i u s en T i l b u r g mi volas paroli.

Post la katolika kongreso tiu familio invitis Sron Pierre J. A. M u f f a n g el B o u r g - l a - R e i n e (Francujo) kaj min, veni kun ili T i l b u r g'o n kaj pasigi tie kelkajn feliĉajn tagojn, unuvorte, esti unufoje en E s p e r a n t u j o. Kompreneble ni ĝoje akceptis, kore dankante, la inviton kaj venis por ok tagoj T i l b u r g'o n. Tie efektive ni vivis kiel „reĝoj" (almenaŭ mi, Bavaro). Ni ricevis ĉion, kion ni deziris kaj tiom, ke por ni estis neeble, akcepti ĉion. Ni kune faris ekskursojn en la ĉirkaŭaĵon, vizitis fabrikojn ktp. La familio eĉ klopodis, ĝojigi nin ĉiumaniere per ĉiaj d o n a c o j. Vespere ni kantis, babiladis kaj ludis. Kelkfoje ni vizitis en alia urbo samkredanan familion kaj bonege ni interparoladis. Hazarde mi renkontis tie Bavaron, sed, kredu al mi, karaj legantoj: momente mi eĉ estis f o r g e s i n t a mian g e p a t r a n l i n g v o n! Dum ok tagoj mi n e n i a m parolis en mia g e p a t r a lingvo, eĉ unu vorton ne, kaj tial mi komence ne estis kapabla, tuj korekte respondi al li.

La gastigantaj nin geedzoj estis tiom afablaj, tiom bonkoraj, ke fakte estis ĝojego, pasigi semajnon ĉe ili. Por ĉio ni devis pagi — n e n i o m! Ili eĉ bedaŭris, ke ni ne pli longatempe povas resti ĉe ili.

Por ni ambaŭ ja estis dolore, forlasi tiun karegan familion forlasi tiun belan landon, tiom karan al ni. Bedaŭre ni ne estis riĉaj, por povi danki por ĉio aliamaniere, ol per vortoj elkoraj al la afablega familio.

Ni nur havas la deziron, ke D i o r i ĉ e r e k o m p e n c u al la familio S m a r i u s en Tilburg. Ni preĝos por tio. Akceptu do ankaŭ publike nian plej koran samkredanan dankon. Jes, tie ni tute lernis kompreni la vortojn de nia bela katolika himno:

„For dividoj, for la bataladoj, ĉiam paco, ĉie nur la amo"

## II. Interesa vespero.

La 15an de Aŭgusto, dum la unua kongres-tago, vespere estis en la renoma H u i s t e n B o s c h, en la Hag'a arbaro, komuna vespermanĝo. La plej granda parto de la kongres-partoprenantoj ĉeestis. Por plibeligi la vesperon, la kongres-prezidanto Pro P o e l l petis la kongresanojn, ke ĉ i u p a r o l u k e l k a j n v o r t o j n e n l i a n a c i a l i n g v o. Oni do povis aŭdi — mi opinias — ok diferencajn lingvojn kaj — la plej interesa fakto — diversajn d i a l e k t o j n. Kaj prez. Pro P o e l l, la instigianto, devis r e s p o n d i al ĉiu parolinto, devo, kiun li tre bonhumore plenumis. Kiom bele kaj eĉ edife estis por ĉiu ĉeestanto, kiam oni post tio r e e p a r o l i s e n n i a k a r a l i n g v o. Kiom interesege estis, vidi, kiel b o n e, kun la plej granda facileco, unu komprenas la alian.

Efektive, de tiu vespero mi ricevis t i a n i m p r e s o n, ke mi ekintencis, p r o p a g a n d i ĉ i u m a n i e r e kaj v a r b i por nia ideo, por ke ankaŭ aliaj homoj iufoje havu okazon, travivi samajn impresplenajn momentojn dum estontaj internaciaj kongresoj Esperantistaj.

---

# Du Adventaj Kantoj.

I.

1. Mari', ni vin salutas,
Ho, vi matena stel',
Savonton vi anoncas
Al ni en brila hel'!
Senpeka Virgulin',
Al savo de l' homaro
Vi estos Dipatrin'.

2. Al vi kun ĝoj' rapidas,
Veninte el ĉiel',
Kaj respektplene diras
Anĝelo Gabriel':
„Salut' al vi, Mari'!
Jen inter la virinoj
Benita estas vi!

3. Vi pura koncepcios,
Fariĝos Dipatrin',
La forto de l' Plejalta
Ja superombros vin.
Ne timu, ho Mari'!
Al vi favora estas
La ĉiopova Di'."

4. Respondis humilege
La servistin' de Di':
„Fariĝu, Disendito,
Laŭ via vort' al mi!"
Reiris al ĉiel'
De ter' feliĉigite
Anĝelo Gabriel'.

5. Karniĝis tuj la Vorto
Kaj loĝis inter ni,
Kaj Lian majestecon
Pekuloj vidis ni.
Mario Virgulin',
Jen via humileco
Al ni donacis Lin.

6. Per niaj dankaj langoj
Ni laŭte laŭdas vin
En tiu ĝoja kanto,
Ho glora Dipatrin'!
Konduku al ĉiel'
Nin la heroa Filo
Jesu' Emanuel'!

II.

1. Rosu, ĉieloj, la Justulon,
Nuboj, teren pluvu Lin!
Tiel dum teruraj noktoj
Kriis la homar' sen fin'.
Sur la malbenita tero
Regis peko, mort', infero,
Kaj fermiĝis, ve, la pord'
De ĉiel' per Dia vort'.

2. Kompatema tamen Patro
Volis helpi, savi nin;
Kaj la Fil' laŭ Patra volo
Jen por ni oferis sin.
Venis teren el ĉielo
Al Mario Gabrielo,
Diris Virgulin' al li:
„Jen fariĝu vol' de Di'!"

3. Al Sinjoro vi obeis
Humilega Virgulin',
Kaj obeo via savis
El eterna morto nin.
Ve por ĉiam al infero!
Ĝojo regu sur la tero!
Vivon gajnis la Venkint',
Karniĝinta la Savint'.

4. Kion en Kristnaska nokto
Ĝoje kantis anĝelar',
Vere estas plenumita:
Pacon ĝuas la homar'!
Al la Triunua Dio
Kaj al Dipatrin' Mario
Danko estu kaj honor',
Laŭdo kaj eterna glor'!

Tradukis el Germana lingvo P. F. M.

# La Kristaniĝo-movado inter la Egiptaj Mohamedanoj.

Dum multe da centjaroj la Mohamedana mondo restis — malgraŭ senlacaj penadoj de sennombraj Eŭropanaj misiistoj tre fortaj per organizo, scienco, kaj precipe per virto — tute fermita al ĉia Kristaniganta influo. Okazis ja de tempo al tempo — tre malofte — individuaj konvertiĝoj, ĉefe en lernejoj direktitaj de Eŭropanaj misiistoj, sed preskaŭ neniu el tiuj konvertitoj persistis. Dum la laste pasintaj kvindek jaroj estis kvazaŭ dogmo inter la apostoloj de Kristo, ke la konverto de mohamedanoj al Katolikismo, eĉ al Protestantismo, restos, eble dum multaj pluaj centjaroj, nur belega ĥimero!

Sed jen, de ses aŭ sep jaroj tiu solida „dogmo" estas renversita aŭ almenaŭ komencis esti renversata kaj la belega ĥimero ekefektiviĝis.

Mi volas lasi pri tio la parolon al unu el niaj plej eminentaj apostoloj en Kairo, kie naskiĝis la movado de Kristaniĝo de Mohamedanoj. En letero skribita el tiu Egiptuja ĉefurbo, la plej granda kaj eble la plej grava en la tuta Afriko, li diras:

„De multe da jaroj la Protestantoj multege klopodis, por allogi Mohamedanojn al iliaj sektoj. Ili fondis multajn centrojn de Evangelio-predikado; ili aranĝis paroladojn, en kiuj ĉeestis, antaŭ la milito, kelkafoje 400 Mohamedanoj; ili publikigis apologiajn broŝuretojn ktp. Ili eĉ volas fondi universitaton, precipe, por altiri Mohamedanojn. Okazis eĉ io pli eksterordinara: ili solenis la feston de la beata Raymond Lulle, apostolo kaj martiro de la Mohamedanoj, kaj publikigis tiuokaze belan biografieton pri li!..! Kiel rezulto de ĉiuj tiuj klopodoj ili atingis — oni diris al mi — ĉiujare proksimume 40 konvertiĝojn! La konvertitoj estis ĝenerale foririgataj el Kairo (pro timo de persekuto) . . .

Se la katolika Eklezio libere povus laboradi, kial ĝi ne sukcesus eĉ pli ol la Protestantoj? Ĝis nun ĝi nenion faris en tiu speco. Kelkafoje ni rikoltas la fruktojn de Protestantaj semadoj. Miaparte, mi ne havis pli ol du konvertiĝojn . . . La milito, kaj precipe la granda politika krizo, kiu malkvietigas nun Egiptujon, malfortigis la religiajn priokupojn de la Mohamedana publiko. Tamen, eble ne estas malproksima tiu tempo, kiam la Islama (Mohamedana) mondo, liberigita de la jugo de politiko, kiu starigis netransireblajn barilojn inter ĝi kaj ni, iĝos kapabla, ricevi kun frukto la parolon de la Evangelio. Tio estas nur espero; ni preĝu, ke Dio ĝin efektivigu!"

Post la traduko de tiu letero de eminenta Jesuito-misiisto en Kairo mi insiste petas, ke ĉiuj katolikaj Esperantistoj, leginte tiujn liniojn, preĝu fervore kun ni, ke baldaŭ refloru vivanta kaj belega Katolikismo en mia kara patrujo, kiu havis, antaŭ 19 centjaroj, la honoron, ŝirmi la Dion Infanon ekzilitan, kaj mallongatempe post tio prezentis al la tuta mireganta mondo la unuan admirindan spektaklon de vivo cenobita en sennombraj monaĥejoj de la Tebaida dezerto.

K. Jusuf. S. J.

# La unueco de la ĉefaj katolikaj preĝoj.

Kvankam per aprobo de la supraj tekstoj dum „Nia Sesa“ en Hago por ni la afero estas finita kaj ni detenas nin de kritiko de tiu aŭ alia esprimo akceptita de la kongresanaro (ekz. eternecon anstataŭ eternon), ni tamen volas doni lokon ankoraŭ al tre interesa letero pri tiu temo de Akademiano, S^ro Grosjean Maupin, kiu afable skribis al ni jenon:

*

Saint-Maurice, la 11an de Aŭgusto 1920.

Altestimata Sinjoro Direktoró!

Mi tre dankas, ke vi afable sendis al mi, kiel Akademiano, laŭ deziro de S^ro Prezidanto Cart, vian ŝatatan gazeton, kiun mi legos kun intereso kaj atento, kaj mi profitas la okazon, por prezenti al vi kelkajn humilajn rimarkojn pri la teksto de la ĉefaj katolikaj preĝoj. Mi citas unue la tekston, kiun mi opinias plej bona, kaj mi poste aldonos miajn rimarkojn:

En la nomo de la Patro, kaj de la Filo, kaj de la Spirito Sankta. Amen.

Patro nia aŭ Preĝo de nia Sinjoro.

„Patro nia, kiu estas en la ĉieloj, estu sankte respektata Via nomo; alvenu reĝado Via; fariĝu volo Via, kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero; panon nian ĉiutagan donu al ni hodiaŭ; kaj pardonu al ni niajn kulpojn, kiel ni ankaŭ pardonas al la kulpintoj kontraŭ ni; kaj ne tentatigu nin, sed liberigu nin de l'malbono. Amen.“

Sanktigata estu — kion oni proponis — nepre signifas: igi sankta, fari tiamaniere, ke io aŭ iu iĝu sankta. Nu, la nomo de Dio ne bezonas, fariĝi sankta, ĉar ĝi estas per si mem sankta kaj sanktega; ni ne povas igi ĝin sankta, kio cetere estus malĝusta traduko de „sanctificare“. Tial mi tradukis laŭ la vera senco per sankte respektata, kio ŝajnas al mi iomete pli taŭga ol la esprimo „sankte traktata“, proponita de S^ro Fahnl, ĉar: trakti, kiam ni parolas pri nia agmaniero kontraŭ Dio, ne ŝajnas al mi sufiĉe respekta. Oni povus ankaŭ diri, se oni preferas: sankte glorata.

Regno, kiu signifas „lando, havanta komunan registaron kaj leĝojn“, ne estas taŭga, laŭ mia opinio. Oni ne volas diri: alvenu la lando, regata de Dio; oni volas diri: alvenu la tempo, kiam Dio reĝos la mondon.

Pri la loko de la adjektivoj, precipe de la posedaj, mi opinias, ke estas necese, ne forgesi tre simplan, naturan kaj psikologian regulon: efektive en ĉiuj Eŭropaj lingvoj oni pligravigas iun ajn vorton, metante ĝin en nekutima loko. Kompreneble, ĉiu lingvo havas siajn proprajn kaj apartajn preferojn kaj kutimojn. Esperanto kutimas, prefere meti la adjektivojn antaŭ la substantivo; oni do devas meti ilin post tiaj nur, se oni intencas, aparte gravigi, emfazigi, majestigi aŭ dolĉigi kaj mildigi ilin.

„Potaga“ (Fahnl) estas netaŭga, ĉar ni ne petas de Dio, ke li disdonu panon al ni tagon post tago, sed, ke li donu panon al ni konstante, por ĉiu tago, esceptante neniun tagon.

La signifo de la proponitaj vortoj: ofendoj, ofendintoj, estas tro mallarĝa, kion prave rimarkigis S^ro Paslar, kaj: kulpoj, kulpintoj, estas pli ĝustaj, sed „niaj kulpuloj“ ŝajnas al mi malfacile komprenebla.

Vi mem, estimata Sinjoro, rimarkigis, se mi ne eraras, ke: konduku nin en tenton estas tute malĝustasenca esprimo kaj devas esti anstataŭata per: tentatigu.

Anĝela Saluto.

„Saluton, Maria, plena de difavoro; la Sinjoro estas kun vi; vi estas benata inter la virinoj, kaj benata estas la frukto de via sinó, Jezuo. Sankta Maria, dipatrino, preĝu por ni, pekuloj, nun kaj en la horo de nia morto. Amen.“

Kvankam mi preferas: Saluton aŭ: saluton al vi, aŭ: mi salutas vin pli ol „Ave“ tial, ke tiuj unuaj esprimoj estas pli ĝenerale kompreneblaj, mi tamen ne malakceptas la vorton ave, kiu certe estas preskaŭ senescepte konata de la katolikoj.

„Maria" estas universale konata nomo kaj pli bona ol Mario, kiu estas nomo de viro, kion tre prave rimarkigis Sro Bianchini.

Mi tre firme opinias, ke la vorto difavoro aŭ simple: favoro, kiu tre ĝuste, tre klare kaj tre precize tradukas la Latinan vorton „gratia", estas multe pli bona ol la nova vorto „graco", kiu bezonas klarigon por multaj kaj gratvundas la orelojn.

„De via sino", proponita de Sro Brunet, ŝajnas al mi pli delikata ol „korpo", kiu tamen estas akceptebla, sed „ventro" ne taŭgas, ĉar, se oni volus precizigi (kio, laŭ mia opinio, ĉi tie tute ne decus), estus necese, uzi la ĝustan vorton „utero".

Kredo.

„Mi kredas je Dio, Patro ĉiopova, kreinto de l'ĉielo kaj de l'tero. Kaj je Jezu-Kristo, filo lia unika, Sinjoro nia; kiu konceptiĝis per la Spirito sankta; naskiĝis el Maria virgino, estas suferinta sub Poncio Pilato, krucumita, mortinta, kaj entombigita; subiris al inferuloj; la trian tagon reviviĝis el mortintoj, supreniris al ĉieloj, sidas dekstre de Dio, Patro ĉiopova; de kie li venos por juĝi la vivantojn kaj la mortintojn. Mi kredas je la Spirito sankta, la sankta eklezio katolika, la komuniĝo de l'sanktuloj, la pardono de l'pekoj, la reviviĝo de l'Karno, la vivo eterna. Amen."

Mi ne ripetas, kion aliaj jam prave diris pri: kredi Dion kaj: kredi je Dio.

Konceptii certe estas akceptebla, tamen, mi opinias, ke ni devas eviti, kiam eble (tio estas ĝuste ĉe la enkonduko de novaj radikoj), la malagrablajn akcentitajn „i", kiuj estas jam iomete tro oftaj en nia lingvo, ne parolante eĉ pri la nova maltaŭga proponata landnoma sufikso.

Mi konfesas, ke mi ŝanceliĝas inter: konceptiĝis el .. naskiĝis de (Peltier) kaj: konceptiĝis de .. naskiĝis el (Becker). Kompetentuloj pli aŭtoritataj ol mi decidos pri tio. Tamen estas opinieble, ke la Latina vorto „ex" („ex Maria virgine") povas nur esti ĝuste tradukita per el.

Laŭ la rimarko de Sro Wierzchowski, la formoj: konceptiĝis kaj: naskiĝis ŝajnas pli taŭgaj ol „estas konceptita" kaj „estas naskita".

Vi mem, estimata Sro Direktoro, tre prave motivigis, kial la vorto descendi, proponita de Sro Bianchini, estas tute kaj nepre malakceptinda. Mi anstataŭas la vorton: malsupreniri per: subiri ne nur, ĉar ĝi estas pli mallonga, kio ne sufiĉus, sed precipe, ĉar ĝi pli ĝuste komprenigas, ke la „inferuloj" estas sub la tero laŭ la imago de la antikvuloj kaj laŭ la signifo de la Latina vorto „inferi".

Kun refoja danko kaj estimoplena saluto

Prof. E. Grosjean Maupin

14, Rue du Val d'Osne, Saint-Maurice (Seine); France.

*

La diferenco de senco inter la por „debita" proponitaj kaj uzitaj vortoj estas, laŭ mia opinio, facile konebla el jena sentenco: Niaj ŝuldoj estu pagataj, niaj kulpoj punataj, niaj pekoj pentataj. Al mi ŝajnas la plej taŭgaj la vortoj „pekojn" kaj „pekintoj"; ĉar antaŭ nia enĉiela juĝisto ni estas kulpaj per pekoj ĉiaspecaj, antaŭ surtera juĝisto nur per jure difinitaj krimoj, kaj ankaŭ niaj proksimuloj kulpigas sin kontraŭ ni per pekoj ne ĉiam puneblaj laŭ la homa juro.

Pri Jesuo—Jezuo skribis al ni afable la sekretario de BEA en London, Sro M. Butler: „Legante vian tre gravan kaj interesan diskutadon pri unuformeco de religiaj preĝoj ktp. en E. K., mi permesas al mi, atentigi vin, ke en la Nova Testamento, eldonita en Anglujo, oni ĉiam skribis Jesuo. En la kolonoj de „Eklezia Revuo" dum kelkaj monatoj oni diskutis, ĉu Jesuo, Jezuo, Jesu, Jezu, Jezo. Fine oni decidis per granda plimulto por Jesuo. Kvankam decido tia ne ligas vin, tamen, mi kredas, ke ĝi devus havi pezon. Estas tre dezirinde, ke la tuta Kristanara mondo almenaŭ pri la nomo de la Savinto estu en akordo."

Ni povas ĝoji, ke tiu akordo nun ekzistas.

Nia kara samideano Sro Brunet en Bordeaux skribis al niaj rimarkoj post liaj proponoj pri la tekstoj de la ĉefaj preĝoj en la Julio-no de „E. K.“ jenon: „Mi legis vian respondon al miaj kritikoj: Mi ekkonigas la Francon, postulantan elegantecon! Ne, sinjoro, mi ĝin ne postulas. Mi ĝin deziras. Trompi la patron ne estas la motivo de la apostrofigo. Nur malpezeco, kiel mi ĝin diris, kaj eble Franca kutimo, uzi artikolon silabkunigan (article contracte). Ni diras: au nom du père por: au nom de le père, monter au ciel por: monter à le ciel. Pro tiuj Francaj esprimoj: je la nomo de la patro ŝajnas peza kaj: je l' nomo de l' patro estas pli Franca. — Preĝo de la Sinjoro estas ĝis nun la formo akceptata, sed ĉu ĝi estas taŭga? Kiel vi mem diris, ĝi estas instruita de Jezuo, sed la preĝo iras al Sinjoro. — Kial havi unuformecon pri Jezu-Kristo? Ĉu ni ne povas en Esperanto havi multajn formojn? Sed vi tuj ekdiros: ha, ankoraŭ eleganteco! aŭ tro flua formo. Do, mi haltas. Dankon pro viaj kritikoj al miaj, kiujn vi ŝatis, kaj ni atendu rezultaton.“

Al tiuj rimarkoj de Sro Brunet, skribitaj, antaŭ kiam la aŭtentikaj tekstoj de niaj ĉefaj preĝoj estis publikigitaj en „E. K.“, diri ankoraŭ ion, ŝajnas nun iom superflue. Tamen, mi permesas al mi, atentigi pri tio, ke plenumo de la deziro de Sro Brunet pri „multaj formoj“ estus danĝera pro la dezirinda unueco en komuna preĝado (dumkongresaj Diservoj k. s.) Kiam iuj kutimiĝis hejme, preĝi ĉiam: Jesu-Kriston, aliaj: Jesuon-Kriston, tiam en komuna preĝado ĥaoso estus neevitebla. Nun ni havas niajn komunajn preĝo-tekstojn kaj ni povas esti certaj, ke en komunaj preĝadoj Esperantaj en la tuta mondo de nun regos harmonio. J. Sch.

---

# La Eraro de „Ido“.

Nia „Espero Katolika“ neniel sin okupi devas, laŭprograme, pri lingvaj demandoj. Ĝi tute ne havas lingvistan taskon. Sekve oni regule nenion pri tia temo trovos sur ĝiaj paĝoj.

Sed, eble, unu escepton mi povas fari? Estas, por pli klare montri al nia frataro la pravecon de ilia lingva vidpunkto.

Nur unu simplan rimarkon mi volas fari.

Mi volas vidigi, ke ĉiuspeca „Idismo“ ĉiam kaj nepre estos malprava, ĉar ĝia origino, ĉar ĝia principo mem estas malpravaj.

Mi ne pridiskutas, ĉu la Idistoj sian principon ĉiam konsekvence aplikis kaj ne pekis ofte kontraŭ ĝi. Mi nur kontraŭdiras la principon mem.

Ilia principo estas: la lingvo internacia alprenu al si, en ĝiaj elementoj, nur tion, kio estas plej internacie konata.

Tio estas la principo de maksimuma internacieco. (Vidu: „Weltsprache und Wissenschaft“, paĝo 51, r. 22, 23.)

Tiu principo estas eraro! — Ĉar ĝi ne povas esti principo senkondiĉa kaj sendependa.

La principo de maksimuma internacieco estas dependa de alia, de ĉi tiu principo: La lingvo internacia devas esti, en tuta ĝia uzado, plej eble facila por plej ebla multo da homoj.

En tuta ĝia uzado: do, ne nur ĝia legebleco devas respondi al la postulo de plejfacileco, sed ankaŭ ĝia uzebleco, t. e. parolebleco kaj skribebleco.

Do, se eble porto de la homoro povos iomete pli facile, sen antaŭstudado, Idon legi, certe ĉiuj homoj, ankaŭ tiu sama porto de la homoro, multe pli malfacile, eĉ post pristudado, povas Idon uzi t. e. kaj skribi, kaj paroli!

La plejfacileco por plena uzado estas la celo.

La maksimuma internacieco estas nur rimedo, kaj, se tiu rimedo ne taŭgas, tiam oni devas forlasi ĝin. Kaj, se tiu rimedo per pli efika estas anstataŭebla, tiam oni devas ĝin anstataŭi.

